


Año IV (N.º 41)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 5

MAYO 1952

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## PERO VIMOS A DOMAGK...

¡Sí! Vimos a Domagk, el famoso, si no inventor, por lo menos descubridor de la utilización de las sulfamidas para la terapéutica de tantas y tantas enfermedades, y autor de colosales progresos, mundialmente reconocidos, en el tratamiento de la tuberculosis.

La presentación del gran sabio alemán en el anfiteatro fué apoteósica. Después de los aplausos, el genial investigador comenzó a leer su conferencia, traducida al castellano con letras gruesas, y con la cadencia del acento marcada con gruesos palos sobre la sílaba correspondiente para cada palabra. Aunque con acento germánico, la lectura fué casi perfecta, y, confesémoslo, la maligna intención de encontrar un motivo para abogar por el uso del Esperanto, iba esfumándose... Pero al llegar a la mitad de la peroración, que iba desarrollándose con bastante normalidad, vino el momento de tener que demostrar con proyecciones la realidad de lo enunciado. ¡Y aquí fué Troya!... Al fallar la luz, el sabio, que iba leyendo de una manera automática su documentado trabajo, quedó imposibilitado para proseguir leyendo y tuvo que explicar las imágenes... en alemán; esto es, para una decena escasa de expertos en el idioma de Goethe y Schiller; los novecientos noventa y tantos restantes, ni jota... Los tubos de ensayo, las piezas anatómicas y los diagramas, se convirtieron entonces en jeroglíficos indescifrables. El público, hasta entonces atento y respetuoso, se tornó impaciente y un tanto protestón. Y nuestra maligna y pecaminosa tendencia a encontrar fallos que justificaran nuestra «manía» esperantista, se vió completamente lograda, como así reconocieron cuantos, como nosotros, salieron sin comprender el sentido de lo más sustancioso de la conferencia. Si la conferencia hubiese sido para un auditorio internacional, como acontece en los congresos, ni siquiera hubiese cabido el socorrido recurso de traer la conferencia debidamente traducida a un idioma, puesto que la mayor parte del auditorio hubiese quedado defraudada, que es lo que ocurre en la mayor parte de los casos, salvo en las reuniones de las altas jerarquías eclesiásticas, gracias al latín, o en las reuniones esperantistas, aunque no sean altos dignatarios y tan sólo tengan una somera cultura. De cualquier otra clase de reuniones internacionales más vale no hablar; mientras un sesudo personaje va voceando página tras página de un estudiado trabajo, el auditorio, salvo una docena de iniciados en su idioma, cuchichea, hace caricaturas del orador o pajaritas de papel, pensando en el próximo banquete o excursión, mientras la mayoría de los congresistas opta por quedarse fuera, tomando algo en el bar, de palique con alguna bella acompañante, a fin de no aguantar la soporífera rociada.

Y esto ocurre, precisamente, en los medios altamente cultivados, en los que el carecer de un nexo idiomático es tanto más imperdonable, cuanto que la solución existe con el Esperanto, como ya hace muchísimos años quedó sancionado oficialmente por la extinta Sociedad de Naciones, pero permanece ignorada o despreciada por quienes tienen la obligación de saberlo y propagarlo. Desconocer el remedio para atajar un mal, puede pasar, si ese remedio no existe o no ha sido suficientemente estudiado o difundido, pero desconocer la existencia y las buenas cualidades de un remedio eficaz para corregir un mal, es pecado de crasitud, además de ser una gran negligencia, por parte de los especialistas en tal mal.

Que el mal existe, es obvio; la conferencia del Profesor Dr. Domagk lo acaba de poner sobre el tapete por millonésima vez. Que el remedio existe, lo demuestra la existencia, cada vez más fructífera del Esperanto, sancionado por cuantos lo han estudiado a fondo, y por la eficacia palpable de su uso en congresos, reuniones, publicaciones, libros, turismo e innumerable correspondencia, cordial y directa, entre esperantistas de todo el mundo.

Tolerar el mal de la incomprensión, existiendo el remedio lingüístico que el Esperanto representa, es, por parte de quienes tienen la obligación de propagarlo e imponerlo, un caso muy lamentable de lenidad, que el futuro tiene que sancionar con acerbas críticas.

Y mientras tanto, seguiremos viendo y oyendo, pero no comprendiendo a Domagk y a los muchos Domagk que, por tal incuria, desfilarán todavía sin casi eficacia alguna, con todo su indiscutible talento, por los estrados docentes y académicos del mundo entero.

**Nia proksima Kongreso estos pruvo frapanta por la vero de nia aserto!**



# Niaj veteranoj: Frederic Pujulá Vallés

## La homo, la verkisto, la esperantisto

*Lia naskoloko: Palamós, pitoreska urbeto ĉe la norda kataluna marbordo. La dato: 14. de Novembro de 1877.*

*Ĝis sia dekjara aĝo, li pasigis sian infanecon en Kubo. Poste, li revenis al Barcelono por komenci studentan vivadon kaj fariĝi advokato. En 1905, li esperantistiĝis kaj verkis la unuajn lernolibrojn kaj vortarojn de Esperanto en kataluna lingvo. En 1906, li partoprenis la duan Universalan Kongreson en Ĝenevo; kaj, en 1908, la kvaran en Dresdeno, kie li petis por Barcelono la kvinan, por la sekvonta jaro. Unuanime, oni elektis lin Prezidanto de la Organiza Komitato; la okazigo de tiu Univ. Kongreso lasis firman enradikiĝon de nia idealo en Barcelono kaj en multaj ceteraj urboj. Ĝis la eksplodo de la unua grandmilito, en 1914, li aperis kiel la plej videbla pioniro en Katalunio. Li kunlaboris en «La Revuo» el Parizo, «Tutmonda Espero» el Barcelono, kaj li redaktis la organon «Kataluna Esperantisto», el Sabadell. En 1914, okaze de la Univ. Kongreso en Parizo, li akompanis trupon de geaktoroj de la kataluna teatro, por tie reprezenti en Esperanto la dramon de Molière «Georges Dandin». Pro eksplodo de la milito, la kongreso ne okazis. De 1918. ĝis 1932. li restis iom apartigita de nia movado, sed en ĉiu momento, kaj en liaj oficialaj postenoj, lia karakteriza sindonemo ne mankis al ni. Rimarkinda estas lia helpo ĉe la barcelona Specimena Foiro, kie, dum multaj jaroj ekzistis propra stando por Esperanto-propagando. Ankaŭ ni devas citi lian fortan influon ĉe kelkaj barcelonaj ĵurnaloj, en kies kolonoj Esperanto estis simpatie akceptata. Kaj nun, post tiu fulme skizita biografio de nia «june» maljuna samideano, ni transiru al priskribo de liaj propraj opinioj, esprimitaj en la daŭro de nia intervidiĝo, el kiu ni eltiris la pli poste sekvantan intervjuon, kiu certe utilos, kiel frata saluto, por la legantoj de nia Bulteno.*

**—Kiamaniere kaj kio vin altiris al nia movado?**

—Verdire, la strukturo, la gramatiko mem de la lingvo. Tio okazis en la komencaj monatoj de 1905. Tiam mi estis redaktoro de la revuo «Joventut», kaj, ĉe la tablo kuŝis libro por recenzo. Ĝi estis gramatiko de Esperanto en franca lingvo. En la redakcio oni diris al mi, ke ĝi estis persone tie lasita de sinjoro kun apostola barbo, kiu multe interesiĝis pri ĝia kritiko, post jam dufoja vizito. Ĉe tria vizito de la nomita *barbulo*, mi mem akceptis lin, kaj, antaŭ liaj plenvortaj laŭdoj al la lingvo, mi promesis atente tralegi la gramatikon, laŭdi aŭ vipi ĝin tute senpartie, laŭ ĝiaj bonaj aŭ senkapaj meritoj. Post kelkaj tagoj, mi kunportis la gramatikon por miaj semajnoj de libertempo. Tuj post ĝia eklego, mi estis kaptita de la majstreco de la lingvo. La ortografio, kun ĝiaj ĉapelitaj konsonantoj, altiris mian unuan atenton. Post la somera libertempo, ne nur jam mi havis laŭdan kritikon preta, sed mi mem fariĝis ĵusbakita esperantisto. S-ro Sabadell, la sinjoro kun «apostola barbo», venis al mi por gratuli mian publikigitan recenzon de la gramatiko, kaj liajn laŭdajn vortojn mi respondis en Esperanto.

**—Kaj, de post tiu momento, via agado fariĝis tre intensa. Ĉu ne?**

—Ho, jes. Al miaj propagandaj artikoloj, multaj legantoj respondis letere, kun intereso lerni la lingvon. Mi mem fariĝis ilia profesoro, kaj disponigis ĉambron por la kurso. Mi rapide enfundiĝis en la lernon de la lingvo, kaj tuj publikigis gramatikon en kataluna lingvo; kaj, pli poste, en la hispana. Dum mia longa restado en Parizo, mi faris vortaron por katalunlingvanoj.

—

Post tiuj ĉi liaj lastaj vortoj, mi adiaŭas la ŝatatan amikon Pujulá, kaj, samtempe, esprimas la sinceran dankemon de la redakcio de BOLETIN, kiu ĝoje festas en siaj paĝoj, pro la vortoj esprimitaj de unu el la *patroj* de Esperanto en nia lando.

**Ed. CAPDEVILA** (Barcelono)

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Habiendo sido aprobados por la Superioridad los directivos últimamente elegidos, y habiendo ya todos ellos tomado posesión de sus cargos, la nueva Junta Directiva ha quedado así constituída:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Presidente* | — D. **Daniel Lloréns Sastre** | — *Valencia* |
| *Vice-Presidente* | — D. **José Anglada Prior** | — *Barcelona* |
| *Secretario* | — D. **Vicente Santamaría Lloréns** | — *Valencia* |
| *Vice-Secretario* | — D. **Sebastián Chaler Arnau** | — *Tarrasa* |
| *Tesorero* | — D. **Ernesto Hurtado Alvarez** | — *Valencia* |
| *Vocal 1.°* | — D. **José Guzmán Guzmán** | — *Valencia* |
| » *2.°* | — D.ª **María Casasnovas Jarreta** | — *Zaragoza* |
| » *3.°* | — D. **Bernardino Donate González** | — *Madrid* |
| » *4.°* | — D. **José M.ª Arias de Reyna Ferrero** | — *Sevilla* |

## GRAVA EKSPERIMENTO DE RADIO ROMA

*Laŭ iniciato de »Scienca Revuo», en la esperanta dissendo de la 6.ª de Junio, en Radio Roma, okazos grava fonetika eksperimento por esplori, kiuj estas la sonoj plej klaraj kaj ne konfuzeblaj. Tiucele, estos diktataj 150 prov-silaboj; ĉiu silabo estos diktata dufoje (per vira kaj per virina voĉoj). La aŭskultantoj skribu, per esperantaj literoj, la kaptitajn silabojn tiel, kiel oni aŭdis (aŭ kredis aŭdi) ilin; ĉiukaze nepre oni skribu ion. Bonvolu, tuj post la dissendo, alsendi la diktaĵon al: RADIO ROMA — Esperanto — Via Veneto, 56 — ROMA (Italio), informante, ĉu la voĉo sonis sufiĉe laŭte, ĉu okazis perturboj aŭ alia malhelpo. Pro la seriozeco kaj graveco de la eksperimento, oni petas multenombran partoprenon.*

GRAVA ATENTIGO: Pro horŝanĝo, la esperantaj elsendoj de Radio Roma okazas nun jene, laŭ hispana oficiala horo: MERKREDE kaj VENDREDE de 19 ĝis 19'20 per la kutimaj ondoj de 25'21 — 31'35 — 49'92 m.

## INTERLINGVA PARALELO

**ORIGINALO**

**Estaba la atmósfera inundada del aroma penetrante de los sembrados florecientes. Olía así la tarde, a lilas, lirios, rosas y margaritas nacidas espontáneamente, al azar, en la llanura profundamente verde. Olía también el aire a la hierbabuena, la albahaca y la manzanilla de los balcones.**

De una novela de Ricardo de Val

**TRADUKO**

Estis la atmosfero inundata de la aromo penetranta de florantaj bedoj. Odoris tiel la vespero je siringoj, lilioj, rozoj kaj lekantoj, naskiĝintaj spontane, hazarde, en la ebenejo intense verda. Odoris ankaŭ la aero je mentoherbo, basiliko kaj kamomilo ĉe la balkonoj.

El novelo de Rikardo de Val




## XIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

### 26 - 27 - 28 - 29 de Julio de 1952 en VALENCIA

**Son ya cerca de doscientos los adheridos y se espera doblar este número, siendo así que faltan todavía saber las aportaciones de Madrid y Zaragoza que deben ser dignas de la importancia que estas poblaciones tienen dentro del esperantismo español. Insistimos encarecidamente que no se deje pasar el mes de Junio sin cumplimentar las adhesiones, para que la comisión organizadora pueda comprometerse a facilitar hospedaje. Después de esta fecha no se puede garantizar este servicio, y se entiende que el propio interesado se lo resolverá por sus propios medios. Así, pues, hay que apresurarse en la inscripción para que el éxito, tanto interno como externo, sea completo. Estamos a la espera de recibir la conformidad a nuestra petición de rebaja en las tarifas de ferrocarriles.**

Ya están a la venta las postales del Congreso, que son una delicada muestra de la artesanía valenciana; pueden adquirirse a los siguientes precios:

**De 1 a 24, 0'75 ptas.** cada una ◆ **De 25 a 99, 0'70 ptas.** cada una ◆ **Más de 100, 0'65 ptas.** cada una

Están estampadas a SEIS tintas y se venden al precio de coste. Hay además un vistoso sello que puede adquirirse a 10 céntimos el ejemplar. A mediados de Junio estará terminado el cartel que será el complemento publicitario.

**COMITÉ ORGANIZADOR del XIII Congreso Español de Esperanto**

Pelayo, núm. 7, 1.° — Teléfono 19532 — VALENCIA

## SCIENCA DISKONIGADO

# PRI LA KANCERO

*de kuracisto D-ro E. Tudela Flores (Valencio)*

**Kontribuinte al la kampanjo kontraŭ la kancero, nia kompetenta samideano altigas la rangon de nia gazeto per ĉi tiu eksprese verkita artikolo.—Red.**

La 6an de pasinta Aprilo okazis la tiel nomata Tago de la Kancero. Tutmonde, de Nordo al Sudo kaj de Oriento al Okcidento, miloj kaj miloj da specialistoj (1) paroladis pri Kancerologio antaŭ plej heterogenaj aŭdantaroj por informi ilin pri ĉio, kion oni povas fari por oportune eviti kaj sukcese kuraci tiel teruran malsanon. De longe, la scienculoj de la tuta mondo laboradis senĉese por eltrovi efikan kuracilon kontraŭ ĉi tiu maligna tumoro; kaj ĝis nun, bedaŭrinde, ili ankoraŭ ne sukcesis. Tial, estas necese ilin helpi—eĉ egoiste pensante—ĉar kiu ajn el ni povas fariĝi, pli aŭ malpli frue, kancerul(in)o.

Kaj, certe, iu nun demandos: ĉu tiom multe da homoj povas morti pro kancero? Jes. Malgraŭ kolosa agado kontraŭ ĝi, en Usono mem, mortas pro kancero 125.000 ĉiujare; en Italio, 30.000; en Francio, 40.000; en Hispanio, 25.000 k. c. *Tio signifas, ke ĉirkaŭ 8 % el la mortintoj forpasis pro kancero.* La ĵus komencita kampanjo stariĝis, do, por sciigi la tutan homaron, ke, malgraŭ la maligneco de la kancero, dum la unua stadio de ĝia evoluo, oni povas kuraci ĝin kaj plene resanigi la pacienton. Eble, se la kancero dolorigus jam en la unua momento, ĉiuj kazoj, aŭ preskaŭ ĉiuj el ili, estus kuraceblaj per adekvataj metodoj, kaj la kancerul(in)oj tute resaniĝus. Sed, ĝi ne dolorigas, kreskas kaŝite kaj fariĝas netrovebla por plej lertaj spertuloj. Tial, multfoje, kiam kancerul(in)o venas en klinikon, la kazo estas bedaŭrinde ne jam resanigebla.

La kancero aperas foje sur teksaĵoj ŝajne sanaj, sed multfoje sur malgrandaj persistantaj ulceretoj ĉe la lipoj *(kankro* de la fumantoj) aŭ ĉe la lango, okazigitaj pro frotado de tiu organo kontraŭ ne sana dento aŭ proteza aparato. Alifoje, sur veruketo-similaj elkreskaĵoj, tre oftaj sur haŭto de la vizaĝo aŭ kapo de gemaljunuloj, aŭ ĉe simplaj krustoj falintaj, sub kiuj oni povas vidi malgrandegajn elkreskaĵojn, krestetosimilajn, ne dolorigajn, tre ofte sangantaj ĉe la plej malforta frotado.

En la tiel nomata gorĝo (pli korekte, laringo) ofte kreskas kancero; tial, ĉiu persistanta afonio estas suspektinda. En la stomako, ĝi kreskas jen primitive, jen sur malnova ulcero. Ankaŭ en la intesto, rektumo, hepato, pankreaso, pulmoj k. c. Ĉe la mamoj aperas ordinare, dum la maljuneco, tumoretoj ne ĉiam malignaj, sed suspektindaj. (Oni devas averti, ke, dum juneco kaj plenaĝo, aperas ankaŭ ĉe la mamoj tumoroj pli malignaj ol tiuj de la maljuneco). En la genera aparato de la virinoj, precipe sur la utero, la kancero kreskas tre ofte — ĉiam ne doloriga! — kvazaŭ kaŝita malamiko; foje, ĝi montriĝas per pliigo de la ordinara elfluaĵo, foje fetora, aŭ per eksterkutima hemoragio, pli aŭ malpli abunda. En konkludo, oni povas diri, ke la kancero aperas sur ĉiuj organoj de la homa korpo, tute senescepte.

Ĉu oni povas fari ion kontraŭ tiel danĝera tumoro? Multe aŭ neniom! Tio dependas de la momento, kiam oni diagnozas ĝin. En la komenco, kiam ĝi ankoraŭ ne invadis la apudajn teksaĵojn, la kirurgo, per ampleksa fortranĉo, multfoje resanigas la kancerul(in)on aŭ preparas la regionon por ke Radioterapio aŭ Radiumterapio estu pli efikaj, kompletigante la kuracadon. Alifoje, sen operacio, oni povas kuraci kanceron sole *nur* per X-Radioj aŭ per Radiumo; sed oni devas averti, ke nur la kancerologo, kiu analizas la ***biopsion*** (peco de tumoreto, kiun oni eltranĉas por analizo) kune kun la kirurgo devas decidi la plej oportunan kaj konvenan kuracmetodon. En tiu periodo (loka periodo) — ne estu skeptikaj! — la Kirurgio sole, aŭ kune kun la Fizikoterapio, povas savi tre multajn pacientojn; sed, mi ripetas, dum tiu bonŝanca periodo malmultaj iras ĉe kuracisto; bedaŭrinde, kiam tiu esploras ilin, la kancero jam invadis la ĉirkaŭaĵon; kaj, tra la limfaj vazoj, ĝi jam atingis la ganglionojn, kiuj pligrandiĝas, fariĝas moveblaj kaj ne doloras unuamomente; sed poste, ili alkroĉiĝas al la apudaj teksaĵoj kaj forte dolorigas. En tiu gravega periodo (regiona

(1) En Valencio, D-ro Llombart, profesoro kaj Vicdekano de la Medicina Fakultato.

periodo) oni devas ankoraŭ intenci la kuracadon per ege ampleksa vasta eltranĉo kaj Fizikoterapio; tamen, malgraŭ ĉio, la maligna tumoro, se ne ĉiam, ofte *recidivas* (reaperas) en la sama regiono, aŭ en alia pli malpli proksima. Kontraŭ la recidivoj, ĉiam dolorigaj, kaj kontraŭ la ĝeneraliĝo de la tumoro, ĝis la plej malproksimaj regionoj de la korpo, nenia rimedo utilas. Oni nur povas, per mildigaj kuraciloj, malpliigi la teruran suferadon de la kancerul(in)o, ĝis la fina konsekvenco.

Ĉu tia tumoro estas kontaĝia? Ne, tute ne; tial la agado farenda kontraŭ ĝi ne estas simila al tiu, kiun oni faras kontraŭ la ceteraj infektaj malsanoj. Por eviti la kontaĝion aŭ disvastiĝon de la infektaj malsanoj, oni izoligas la malsanulojn, seninfektigas iliajn vestojn kaj loĝejojn; ĉiam kaj ĉie, oni uzas kontraŭmikrobajn substancojn, sed ĉi tio ne taŭgas por agadi kontraŭ la kancero. Mi ripetas, ke ĝi ne estas kontaĝia, nenia mikrobo okazigas ĝin.

Kial, do, ĝi aperas sur teksaĵoj ŝajne sanaj? Ĝis nun, oni nur scias, ke, pro nekonata kaŭzo, sur iu ajn organo, sanaspekta aŭ nur suferanta *ne danĝeran lezon*, aperas ĉeloj, kiuj, reproduktiĝinte senorde, kreas la malignan tumoron. Nu, kion oni povas fari por eviti tion, aŭ por ebligi adekvatan kuracadon?

1.e Ni devas purigi, kiel eble plej bone, nian haŭton kaj eksterajn organojn (1) por eviti la aperon sur ili de eĉ la plej malgranda ulcereto, kiun oni devas tuj kuraci, se okaze ĝi aperas, observante ĝin atente; se oni rimarkas, ke ĝi persistas, sangas ofte aŭ ke ĝiaj ĉirkaŭaĵoj malmoliĝis, oni devas nepre, senprokraste, konsulti kuraciston, kiu difinos la kazon.

2.e Tuj kiam aperas tumoreto sur iu ajn regiono, aŭ kiam sen kaŭzo la korpo perdas pezon, aŭ oni sentas nekutiman senfortecon, la kuracisto devas diri, ĉu tiuj simptomoj estas danĝeraj aŭ ne.

3.e Kiam oni ne bone digestas, vomas ofte aŭ sentas astenion, la kuracisto devas kiel eble plej frue esplori la stomakon.

4.e Ĉar la kancero ĉe la genera aparato de la virinoj evoluas multfoje sen simptomoj, oni devas esplori de tempo al tempo la maljunulinojn, precipe la multiparajn, kvankam la nuliparaj ankaŭ riskas, sed ne tiom. Oni ne forgesu, ke nur la frua kaj rapida agado de kirurgo aŭ Fizikoterapio, dum la unua periodo, oportune utilas.

5.e La fumantoj devas scii, ke ofta incito sur la lipoj, pro algluiĝinta cigareda stumpo, kaj tiu de la fumo, sur la laringo kaj pulmoj, okazigas kanceron sur tiujn organojn. Ne fumantoj, certe, ankaŭ suferas kanceron ĉe la buŝo aŭ spiraparato, sed statistikoj montras, ke ĝi estas multe pli ofta ĉe fumantoj ol ĉe la ceteraj.

KONKLUDO: Ni ne devas vivi turmentataj de la terura kancera fantomo, sed oni ne devas forgesi, ke ĉiu povas esti ĝia viktimo. Tial, do, je nia propra defendo: Antaŭen, batalante senĉese kontraŭ ĝi!

(1) Statistikoj montras, ke kancero abundas pli inter kamparanoj, kies purigado, pro diversaj kaŭzoj, ne estas tiel kompleta, kiel ĉe urbanoj.

**DENOVE LA ESPERANTISTA ARKEOLOGIA TENDARO EN DANLANDO**

*Same kiel en du antaŭaj jaroj, okazos denove internacia arkeologia tendaro por esperantistaj studentoj kaj altlernejanoj, somere 1952, dank' al plia malavara subvencio de la dana ŝtato. La aranĝo komenciĝos en Kopenhago la 5an de Julio; dum du tagoj, la partoprenantoj vizitos vidindaĵojn de Kopenhago; poste, oni iros al Nordjutlando, kie oni partoprenos la elfosadon de vikinga fortikaĵo Aggersborg. Jam antaŭ du jaroj, esperantistaj studentoj elfosis tie. Dum la elfosado, la partoprenantoj loĝos en hotelo kaj manĝos en privata pensiono. La 23an de Julio oni vojaĝos al internacia studenta centro, en la bienego Hald, apud urbo Viborg. Kaj tie la partoprenantoj restos tri tagojn. Pro ŝtata subvencio, la partoprenantoj nur pagos 110 danajn kronojn, por la trisemajna restado; kaj en tiu prezo estas enkalkulita: restadoj (manĝo, loĝo kaj ekskursoj) en Kopenhago, Aggersborg kaj Hald. Krome, ankaŭ vojaĝo de Kopenhago al Aggersborg, kaj de Aggersborg al Viborg. Dum la elfosado la partoprenantoj ricevos 1 danan kronon po 1 labortago. Pasintan jaron multaj vane aliĝis, tial la organizo petas tujan aliĝon.*

*Petu senpagan programon al* DANA INTERNACIA STUDENTKOMITATO, *ĉe la Universitato, Sct. Pederstræde, 19, Kopenhago K. (Danlando)*

**Por la universaleco de la scienco, jen la universaleco de nia lingvo!**

## HISTORIO KAJ LEGENDO

*La hispana filmo «Parsifal» ŝajnas al mi sufiĉe interesa kaj eĉ aktuala en la tagoj, kiam akazas la Eŭkaristia Kongreso; tio instigas min iomete rakonti pri la deveno kaj fundamento de tiu mistika temo. Komence, mi devas klarigi, ke la Sankta Grialo (pokalo de la lasta vespermanĝo de Jezuo) apartenis al Jozefo de Arimateo, poste ĝi estis propraĵo de la Vatikano, ĝis Sankta Laŭrenco ricevis ĝin pro timo, ke la barbaroj povu ĝin rabi kaj profani. Tiel, ĝi venis al Huesca (en la aragona teritorio) kie ankaŭ ĝi ne povis halti, ĉar, timante pro la araba invado, oni ĝin portis al la monaĥejo-citadelo Sankta Johano de la Ŝtonego (en la aragona Pirineo). Tie, ĝi estis gardata dum pli ol ses jarcentoj, ĝis bonvolema abato ĝin donacis al iu aragona reĝo. Post kelka tempo, alia reĝo fine transdonis la sanktan pokalon al Valencia, en kies katedralo oni ĝin altestime nun gardas.*

*Legendoj abundas, cetere, pri tiu ege valora kaj sankta relikvo, sed pruve dokumentitaj informoj estas nur tiuj antaŭe cititaj. Kaj nun, post tio, bonvolu akompani min en mia unua ekskurso al la mirinda kaj abrupta loko, kie kuŝas la noblaj ruinoj de la fama iama monaĥejo Sankta Johano de la Ŝtonego. Estas nekredeble, ke oni povas supreniri la montegon, kiu staras antaŭ mi, kiel koloso. Mi sukcesis trovi kaŝitan vojeton kaj, iom post iom, mi povis fine tuŝi per miaj manoj la ŝtonojn de la pinto, kun apenaŭ fortoj por ekkuŝi sur mola herbaĵo. Post oportuna ripozo, mi daŭrigis la marŝon ĝis la moderna monaĥejo de la 17a jarcento; sed tiun mi ne celis, mi iris antaŭen serĉante la faman antikvan citadelon de la monaĥoj-kavaliroj. Jen, sub impona grotego, kies plafono estas tegmento por la mirinda konstruaĵo, staras la majesta bastiono, kiu nur en somero ricevas la karesojn de la suno. Tiel densa estas tie la ombro, ke la pinoj leviĝas pli ol 20 metrojn.*

*Vizitante la diversajn ĉambrojn, kaj promenante tra la klostro, ŝajnas kvazaŭ la spiritoj de la iamaj enloĝantoj ŝvebus tra la mistera aero. Tiu impreso kreskas en la senluma ostejo kaj en interna punĉelo. La romanikaj kapiteloj de la klostro estas ŝtonaj juveloj, kiujn la suno escepte orumas. Kun melankolia sento, mi forlasas la silentan lokon kaj longe pripensas pri la sobra vivado kaj rigoraj celoj de la antikvaj gardantoj de la Sankta Grialo, kiuj askete pasigis sian tempon en tiu bele sovaĝa medio, kie regas la spirita grandeco de tiu monaĥejo, kiu estas respektinda arkivo de historio kaj legendo.*

**SALVADOR MORALES** (Zaragozo)

Noto. – **Estas intenco de la organizantoj de la 13a Esperanto-Kongreso en Valencia, aranĝi meson en speciala kapelo de la Katedralo, kie oni gardas tiun faman pokalon, tutmonde konata per la nomo Sankta Grialo.**

## INTER LA PROZO

En apogeo de koloroj kaj en ebrio de parfumoj, la vasta kamparo estas nun speco de paradizo, kie floroj kaj fruktoj pompas en kurioza koincido de promesoj kaj realoj. La matura flave-roza molaĵo de abrikotoj najbaras kun la freŝaj koroloj de oranĝfloroj, kvankam certe la plena matureco de abrikoto estas tro efemera realo, antaŭ la klara promeso kaj poezia simbolo de virga pureco, kiun la senmakulaj floretoj de oranĝarbo reprezentas. Svarme kaj plej bonodore, tra densa foliaro, kie brilos iam la oraj buloj de sukozaj oranĝoj, la burĝonoj krevis en faskojn de blankaj petaloj, kiujn ĉiu fraŭlino sopire rigardas, atendante la momenton de feliĉa tago kaj revata horo, kiam kelkaj el tiuj floretoj, plektitaj en formo de krono, estos diademo de gloro, por ŝin garni kaj ornami, dum la solena kaj grava ceremonio, kulmino de tuta vivo, kiam fianĉino fariĝas edzino...

Jen, do, kial voluptaj vibroj skuetas la korpon en ĉi tiu monato, ĉar pli agrable ol labori estas kuŝi senfare, por flari komforte la bonajn odorojn, kiujn maturaj fruktoj kaj plenkreskaj floroj abunde liveras. Sed, ho, nepre mi devas forpeli la tenton!... Neniofarado ne decas, eĉ ankaŭ ne dum Majo, se restas laboro kaj tasko farenda, same kiel tiu dika staplo da gazetoj, kiuj atendas legadon por la kutima recenzo:

THE BRITISH ESPERANTIST okupas la honoran lokon en mia hodiaŭa

**GRANDA NOMBRO DA EKSTERLA[NDANOJ]**
**ĈU VI NE DEZIRAS SALUTI ILIN PERSONE?**

kroniko, ĉar neniel mi forgesis la salutajn vortojn de S-ro Butler, kiujn sincere mi reciprokas. La serioza organo de la britaj samideanoj alproksimiĝas al sia kvindekjareco; ĉi tio sufiĉas jam por fidindigi la entreprenon, kiu, sub lerta gvido, estas ankoraŭ nun aroga stango de fervoro kaj kompetenteco. La rubriko, kie oni recenzas novajn librojn, estas modelo de honesteco kaj majstreco; oni ne povas legi sen ĝuo la trafajn rimarkojn kaj pravigitajn admonojn, kiujn la aŭtoroj de recenzataj verkoj certe konsideros kun danko, ĉar konscia homo ne malatentas konsilon de kuracisto, eĉ kiam la konsilo venas kun akompano de

# DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

amara pilolo. Mi ja kuraĝas aserti, ke, en necesa okazo bezoni tiuspecan pilolon, pro rekomendo de tiel ŝatata kolego, ĝi estus por mi kvazaŭ bombono. ESPERANTO EN SKOTLANDO estas inda parulo, en bela skota kostumo, por sia brita frato; la literaturo ĝuas specialan preferon en ĝiaj paĝoj, kie pecoj kaj fragmentoj estas flegataj kaj plastike knedataj de faklertaj manoj de W. Auld kaj R. Rossetti. Ĉu ne sufiĉa garantio? THE WORKER ESPERANTIST, vigla reprezentanto de la laborula klaso, tre digne kompletigas la trion de landaj organoj de aktivaj asocioj, kiuj pledas por nia internacia parolilo, ĝuste mem en la klera teritorio, kie ŝprucas vive la angla lingvo... Gratulinte jam tiel bravajn pionirojn, mi turnas nun la atenton pli malproksimen, en alian angulon de Eŭropo, kie nia forta movado eltenas malfacilaĵojn, pro specifaj kaŭzoj, kiuj esperėble ŝanĝiĝos kaj ebligos la reaperon de ESPERANTISTA, tiu tre bona revuo de Ĉeĥoslovakio, kiu ne plu aperas, ĉar «la informministerio reorganizis planon de eldonado de gazetoj». Mi konas la fervoron kaj kapablon de la tieaj amikoj, kiuj certe scios uzi ĉiujn eblajn rimedojn por denove aperigi sian gazeton. Estu dirite, ke la grava tiea Esperanto-Asocio daŭras en funkcio, nur la gazeto haltis; mi esperas, tamen, ke provizore. LA SUDA STELO, organo de Jugoslavia Esperanto-Federacio, la eniron... Tamen, pro sia pure oficiala karaktero, ĝi aspektas iomete malvarme apud la vigla BULTENO de sia gepatra faksekcio. Treege interesa enhavo! Vere rekomendinda ĝi estas por ĉiuj esperantistaj familioj, kie Esperanto estas hejma lingvo. Mi volas insisti pri la utileco de ĉi tiu gazeto! Venas en la vico ESPERANTO-POST, kiu, kiel kutime, promenas laŭ egalaj paŝoj de sia frato, kaj ankaŭ konato nia, ESPERANTO-KURIER, ili ambaŭ estas belaj specimenoj de la germana presarto, kun ege belaj kliŝoj sur bona papero. Pri alia malaperinta kolego, bedaŭrinde, mi devas raporti; temas pri EUROPANO, bulteno por politiko kaj kulturo, kiu, ne sukcesinte finance stabiliĝi, tiel sin adiaŭas: «Ekzistas germana kanto kun jena frazo: Post ĉiu adiaŭo estiĝos revido! Ni ne scias kiam ĉi tiu revido okazos; sed ni spertis, ke nia ideo kaj tasko necesas.» En tio mi konsentas; tial, daŭre mi atendos ĝian viziton, ĉar mi neniel forgesas, ke unuan fojon ĝin donacis al mi estimata amikino el Berlino, tikla punkto, neŭralgia punkto... Sed absoluta malpleno ne ekzistas, tial ke ESPERANTA FINNLANDO denove reaperis, sub devizo: unu vivo, unu servado! kun spritaj aludoj pri la longa silento, koran saluton! Kaj, kiel fina piroteknikaĵo, jen la dana ilustrita revuo INTERNACIA BONHUMORO, kiu en sia dua numero superas antaŭan rekordon

## DAJ GEAMIKOJ ANONCIS SIAN PARTOPRENON EN NIA KONGRESO

**KUNVIVANTE KELKTAGE KUN ILI, EN TRE AGRABLA MEDIO DE KULTURO KAJ ARTO?**

ĝoje anoncas per dikaj literoj, ĉe la piedo de frontpaĝo en aprila numero, ke, laŭ decido de la Estraro de E. U. A. la 38ª Universala Kongreso, por venonta jaro, okazos en Zagreb, la bela kroata ĉefurbo, kie oni redaktas tiun revuon, ĉiam kun interesa materialo. SVISA ESPERO, ornamita per belegaj bildoj de imponaj montegoj, prezentas siajn rubrikojn laŭ zorge aranĝita plano. En la januara numero, oni represis kun afabla komento kompilon de la artikolo de Hristo D. Zlatarev, aperinta en nia Bulteno. Facila salteto, per la imago, portas min en Germanion; oficiala revuo LA PONTO ebligis pri galanta sprito, spicita per mustardo kaj garnita per *prudaj* desegnaĵoj, kapablaj liveri varmon eĉ meze de polusa vintro.

La frivola bonhumoro de la danaj amikoj instigas min plaĉe ripozi denove, sur mola tapiŝo el musko, ĉar la devo jam estas plenumita por hodiaŭ. Certe, duoble intensa estas la plezuro de l' neniofarado, kiam ion pozitivan oni faris... En la paco de tagmezo, la zefiro min envolvas kun esenco de oranĝfloroj kaj trilado de kardeloj; la pensoj flugetas en rondojn malproksimajn... Dormemo lulas la palpebrojn; ĝis fine, ĉio malprecize nebuliĝas por

LA LEGEMA KOBOLDETO

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## EN ADEKVATA EKVILIBRO..

En la marta numero, mi legis interesan artikolon titolitan «For la Interna Ideo!» kio estas kria konsilo de sia aŭtoro S-ro V. Bosch. Mi avertas al li, unue, ke mi ne intencas diskuti, sed iel *laŭte mediti* antaŭ la asertoj, ke oni devas forigi la *esperantismon* por anstataŭigi ĝin per nura *esperanto*, tial ke: «bedaŭrinde ne la idealoj, sed interesoj gvidas la homojn kaj estras la mondon». En la sama numero, S-ro W. Auld, responde al artikolo «Ĉu nur esperantismo?», opinias kontraŭ S-ro Eŭma, dirante, ke literaturaj kaj poeziaj verkoj estas pli gravaj por Esperanto ol sciencaj, religiaj aŭ politikaj libroj kaj revuoj.

En la fundo, ambaŭ estas parto de la sama problemo: el unu vidpunkto, pozitivismo; el alia, idealismo! Mi rememoras, ke, antaŭ multaj jaroj, por fratecana revueto, mi verkis humoran artikoleton, prezentante homojn, kiuj sin interbatis, ĉar ili komprenis reciprokajn insultojn, dum aliaj malsamlingvuloj estis tre pacemaj, ĉar ili neniel povis interkompreniĝi...

Mi opinias, ke oni troigas la ordinarajn dimensiojn de la temo, ĉar, precipe, oni ĝin flanke rigardas, forgesante, ke ni havas koron kaj stomakon samtempe, kaj ke, super ili, ni ankaŭ havas kapon, sidejo de la menso, por nin teni en oportuna ekvilibro. Venuso estas modelo de belo, ĉar ŝi havas la adekvatajn proporciojn. Sed, ekvilibro, en normalaj staĵoj, ne estas sama en ĉiuj aĝoj nek en ĉiuj tempoj: Dum la juna aĝo, kaj en epoko de abundeco, nia koro nin gvidas; poste, kaj en malfacila tempo, la stomako -la necesecoj- severe devigas nin zorgi kaj atenti la materiajn kaj krudajn flankojn de la vivo.

Nia dua lingvo sendube havas internan ideon, same kiel ĝin havas eĉ nia gepatra lingvo; mi rememoras la grandan ĝojon, kiun mi sentis en Parizo, kiam, post kelkaj tagoj en deviga silento, mi aŭdis hispanajn frazojn al iu nekonata hispanparolanto, kiu aspektis al mi kvazaŭ frato... Esperanto ne *vivaĉas*, ĝi vivas kaj progresas, kiel ĝis nun ĝi devas vivi kaj progresi: en idealisma plano, ĉar idealisto ĝin kreis, kaj nur en idealisma kampo ĝi povis kaj povas, ĝenerale, enradikiĝi danke al la laboro de idealistoj, kiuj venas al nia kampo, ĝuste pro tio ke ili estas idealistoj, kvankam ili sin kredas pozitivistoj; se *praktikulo* venas al ni, baldaŭ li foriras... Tamen, ni ne malpacienciĝu. Ni povas memori la vortojn de Tertuliano, kiu, defendante, la kristanismon, diris al la estroj de romanaj provincoj: *Hieri sumus et omnia implebimus...* (Hieraŭaj ni estas, kaj ĉie ni estas...) Sed atentu ja, ke tia *hieraŭeco* nombris du jarcentojn kaj ke, malgraŭ tio, la nova ideo ankoraŭ ne atingis la kapojn de la guberniestroj nek la ŝirmon de la preĝejoj.

Jes, ni ne malpacienciĝu; Esperanto, siatempe, kun amikoj, sen amikoj kaj eĉ kontraŭ siaj malamikoj, eniros en la nomatan praktikan vivon, kie ankaŭ povos kaj devos vivi la poetoj kaj beletristoj, por ke ili agordu la aerajn vibradojn, regalante nin per la muziko de siaj belaj kantoj, same kiel plaĉas al ni, ke la virinoj estas belaj, kvankam ne ja nur pro tio, ke ili estas bezonaĵo por ke la generacioj travivu.

Esperanto atingos sian celon, ĉar jam antaŭ jarcentoj estiĝis en la mondo emo al homara unueciĝo, kiu daŭre iras antaŭen, malgraŭ la klopodoj, kiujn multaj homoj faris kaj faras por disigi la popolojn. Tiam finiĝos la hodiaŭa epoko nia, kaj venos por ni la vera tragedio, kiu, laŭ S-ro Wilde, estas la atingo de la propraj deziroj: la esperantismo kaj la esperantistoj malaperos —kiel okazas al la insekto *Mantis religia*— ĉar la misio de ilia ekzisto, post kiam Esperanto venkos, jam estos kompletigita.

La nuna epoko estas vere feliĉa por ni, ĉar, akorde kun anonima sentenco, publikigita en la decembra numero de BOLETIN, ni, esperantistoj, havas la tri fundamentajn kondiĉojn por la homa feliĉo: Ni havas *ion por fari* (propagandi) *ion por ami* (Esperanton) kaj *ion por esperi* (ke nia idealo eniru en la praktikan vivon). Ĉu ne agrable?... **JOSÉ ORÓS GIMENO** (Zaragozo)

---

**PER MALMULTE DA VORTOJ,** respondante al S-ro Vilhelmo Bosch, mi povas diri, ke la sola afero, kiu tenis min konstanta, estas la Interna Ideo kaj la literatura kvalito de la lingvo. Komerco havas por mi nenian intereson... **M. C. BUTLER** - Surren (Anglujo)

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● PORTUGAL.—Durante la reunión de la N. A. T. O. en Lisboa, fué distribuída una circular entre el alto personal a ella asistente, poniendo de relieve la eficacia de un idioma auxiliar neutral, como es el Esperanto, en las reuniones internacionales, no habiendo postergación de cualquier idioma nacional, como sucede ante el que se adopta como oficial en las deliberaciones entre delegados de países con distinto idioma.

«Diario de Lisboa», en su número del 23 de Febrero, se hace eco de esta distribución entre las personalidades asistentes, haciendo resaltar, en su comentario, que fué expresamente autorizada por la Oficina de Censura del Ministerio portugués.

● FRANCIA.—Durante los días 19 y 20 de Abril tuvo lugar el Congreso Comarcal de los Pirineos en la ciudad de Lourdes, donde el Esperanto ha sido introducido gracias a los desvelos de la Madre María-Natalia, que está explicando muy eficazmente dos cursos del idioma auxiliar en el mundialmente conocido centro de peregrinación.

● DINAMARCA. — «Scandinavia Airlinies System», la compañía de líneas aéreas escandinavas, ha editado este año, con motivo del Congreso Universal de Esperanto, que tendrá lugar en Oslo, a primeros de Agosto, un folleto en Esperanto, ofreciendo sus servicios para el viaje, donde consta la lista de sus agencias en distintos países.

● BRASIL.—En la Escuela Técnica Mercantil «Alvarez Penteado», de Sao Paulo, se ha iniciado un curso del idioma auxiliar, con numerosa asistencia, reinando gran entusiasmo entre los participantes. También en el Seminario Seráfico de San Antonio, de Agudo, se enseña el Esperanto a un grupo de seminaristas. En el curso, que tiene lugar en la industria farmacéutica «A Química Bayer», de Río de Janeiro, toman parte cuarenta oficinistas de la empresa. Estos brotes de iniciativa privada, para la enseñanza del Esperanto, a la larga, producen decisiones de tipo colectivo, como la adoptada por el Gobernador de Río Grande del Norte, quien ha decretado que sea obligatoria la enseñanza del idioma auxiliar en todas las escuelas dependientes de dicho Estado.

● GUATEMALA.—«Boletín Universitario», revista de la Universidad de Guatemala, publicó un artículo del Doctor Jules Bonge sobre el idioma Esperanto, como medio neutral de relación inmediata y directa para los hombres con distinto lenguaje nacional.

● ESTADOS UNIDOS.—Un grupo táctico de las fuerzas armadas de este país ha adoptado el uso del Esperanto para la documentación, comunicaciones y órdenes del mando, a cuyo fin ha editado un vocabulario de voces técnicas en el idioma auxiliar, precisas para la misión especial que deben desempeñar entre las fuerzas de comandos.

«The New International Year Book», siguiendo la trayectoria iniciada desde hace tres años, publica en la edición para 1952 un artículo sobre los progresos del Esperanto en el mundo, a pesar de las dificultades de carácter económico, con que hoy se tropieza.

## CONFERENCIA Y CURSO DE ESPERANTO EN EL INSTITUTO DE 2.ª ENSEÑANZA DE VALENCIA

**En el Instituto de 2.ª Enseñanza «Luis Vives», de Valencia, el Dr. D. Rafael Herrero dió una interesante conferencia sobre el tema: «Necesidad de un idioma auxiliar mundial». El acto fué organizado por la Asociación de Antiguos Alumnos y como acto preparatorio de un curso de Esperanto en dicho centro, que será explicado por el Dr. D. Ernesto Tudela. Ante numeroso público en el que predominaba el elemento estudiantil, el Dr. Herrero puso de manifiesto que la única forma de evitar roces, en el sentimiento patrótico de cada cual, es la adpción de un idioma neutral y fácil para todos. Haciendo un bosquejo comparativo, entre distintos idiomas, presentó la estructura gramatical y la actual difusión del Esperanto, exhibiendo recientes ejemplares de prensa y libros, poniendo de manfiesto, además, su agradable pronunciación al recitar algunos trozos poéticos. Puso especial interés en demostrar que el conocimiento del Esperanto permite distinguir mejor el mecanismo de los idiomas nacionales, que toda persona culta debe hoy conocer. Tras los aplausos que rubricaron las palabras de nuestro buen amigo, saludó a la concurrencia el profesor Sr. Feo Cremades, quien como presidente de la Asociación, en unos cortos y vibrantes párrafos, invitó al estudio como emocionado recuerdo a los profesores ya desaparecidos, y que fueron gloria de la vida cultural valenciana**

NENIU HORO PASAS SEN EFIKO, KAJ NENIU TAGO FORIRAS SEN INSTRUO

## KONCENTRIGITA BONHUMORO

Dum kelkaj monatoj, edzino trudis sian edzon, ke li lasu sin fotografi. Iun tagon la edzo konsentis, por ne esti plu ĝenata. Kiam la kopioj venis, la edzino ekzamenis ilin kaj subite ekkriis:

—Terure, Henriko, butono mankas sur via jako!

—Dankon al Dio! respondis la edzo, ke fine vi ekvidis tion!

---

Kudristo demandis al sia metilernanto:

—Friĉjo, diru al mi, kiom da malicaj virinoj loĝas en ĉi tiu strato?

—Kvar, mastro, kun via edzino—respondis la knabo.

—Jen, vi fripono!—la mastro ekkriis kaj donis vangofrapon—Se vi refoje impertinentas... Do, kiom da malicaj virinoj ekzistas en la strato?

—Nur tri, mastro, krom via edzino! Friĉjo hurlis, venĝeme kaj ruze.

**Dr. A. H. (Aŭstrio)**

---

Barbiro razas la advokaton, S-ro Klem, dum manflegantino plibeligas liajn manojn. Li flustras al ŝi:

—Ĉu vi volas promeni ĉi-nokte kun mi?

—Tre malfacile, ĉar mi estas edzino...

—Ho, tio ne gravas; petu permeson al via edzo.

—Faru la peton vi mem; mia edzo estas tiu sama barbiro, kiu nun vin razas!

En aŭtobuso, du viroj sidas tute najbare. Unu el ili fikse rigardas la alian. Fine, ĉi tiu demandas:

—Kial vi min rigardas tiel fikse?

—Bonvolu pardoni, sinjoro, sed mi nur rimarkas, ke, se ne pro la lipharoj, vi tre multe similus al mia edzino.

—Tamen, ja mi ne havas lipharojn!

—Vi pravas, sed estas ŝi, kiu tion havas...

**EMILIO PRADES.**

*Troviĝas pli da simpleco en tiu homo, kiu frandas kaviaron pro impulso ol en tiu, kiu manĝas nuksojn pro principo. la sola simpleco vere valora estas tiu de la koro: la simpleco, kiu funde perceptas kaj ĝojas.*

CHESTERTON

*Ĉiam ni povos venki tiun, kiu nin venkas, se ni scias tiri forton el la doloro de nia malvenko.*

JACINTO BENAVENTE

## SFINKSA ANGULETO

### MAGIA KVADRATO

Oni devas distribui la 9 unuajn numerojn, laŭ la apuda kvadrato, maniere ke, adiciante la nombrojn enhavatajn en vico, en kolono aŭ en kiu ajn el la diagonaloj, estu ĉiam la sama rezultato 15 en la sumo

Por rajti al la premio. venu la solvo ĝis 21 de Junio

SOLVO DE LA **MISTERAJ KARTETOJ**
EN LA PASINTA NUMERO

TRI-BO = **TRIBO** ◆ IM POST O = **IMPOSTO**

## MIA PATRO

Kiam mi estis kvinjara, mi pensis, ke mia patro estas ĉion-pova, ĉion-scia, senerara. Ĉiam li sciis konvinkan respondon al miaj multaj demandoj. Ĉion li sciis fari lerte, ja majstre. Mi admiris lin!

Estiĝinte dekkvinjara, iom pli kritikema, mi taksis lin jam ne plu tiom pravasenerara. Kun dudek-kvin jaroj mi pensis, kiel malmoderna kaj malprava ofte mia patro estas. Havante aĝon de tridek-kvin jaroj, mi eĉ juĝis lin stulta. Pri ĉio mi opiniis aliel. Ĉion mi estus faranta alimaniere. Kvardek-kvinjara, mi opiniis lin tamen ne ĉiam tiom malprava. Kun kvindekkvin, mi ekvidis, kiel prava, kiel prudenta li ja ĉiam estis, mia kara patro.

*F. Haufe.*

Represita el la aprila numero de «Sennaciulo».

La akvo, en kiu oni boligis bulbojn, estas tre taŭga por purigi ĉiujn oritajn objektojn

### LA FLUGADO DE LA INSEKTOJ

*La muŝo, kiam ĝi flugas, movas siajn flugilojn je rapideco de 190 movoj po sekundo. La abelo 200; kaj la burdo atingas, dum la sama tempo, la ciferon da 240. Tiuj ĉi movoj estas tiel rapidaj, ke, ŝajne neniu povas ilin kalkuli. Tamen, ekzistas rimedo por fari tion: Oni serĉas per violono la altecon de tono, kiun atingas la flugiloj de la insektoj, dum ilia flugado; kaj, laŭ la nombro da vibroj, respondaj al la violona tono, oni ricevos la koncernajn movojn de la flugiloj.*

Kompilita resumo de S. **ARIZMENDI** (Eibar)

# Ricevitaj Libroj

**ANTAŬ DU MIL JAROJ...** Romano de Francisco Cándido Xavier. El la portugala lingvo tradukis L. C. Porto Carreiro Neto, laŭ 5.ª reviziita eldono de la aŭtoro. Eldonfako de Brazila Spiritisma Federacio: Avenida Passos, 30 - Rua Figueira de Melo, 410. Rio de Janeiro (Brazilo) 400 paĝoj, 12 x 18 cm. Prezo ne montrita, sed Libro-Servo de Hispana Esperanto-Federacio ebligos ĝian akiron al la interesatoj, kiuj tion deziros.

En la bretoj, kie vicas pli aŭ malpli bonorde Esperanto-libroj, bedaŭrinde, ne abundas dikaj volumoj, kiujn, pro formo kaj aspekto, oni povus montri kiel *librojn* laŭ la plena signifo, kiun la vorto havas en nacia lingvo. Tial, oportuna ŝanco kaj salutinda evento estas la apero de ĉi tiu libro, pri kiu oni povas aroge deklari la trian dimension: 3 cm.! Ho... ja mi scias, ke en arta verko, kompreneble, ne nur valoras ĝia volumeno, sed la influo de ĝia etiko kaj la efiko de ĝia estetiko; tamen, jen altaj kvalitoj, kiuj ne mankas en la impona libro, kiun grava brazila asocio prezentas nun al la esperantista mondo; ĉar, se vere eksterordinara laŭ amplekso, ĉi tiu verko ankaŭ estas eksterordinare interesa pro la enhavo kaj eksterordinare valora pro la stilo. Sed, la kulmino de ĝia tuta eksterordinareco troviĝas en la aserto, ke la efektiva aŭtoro estas iu supera spirito, nomata Emmanuel, kiu revelacie diktis la rakonton al S-ro Cándido Xavier, kiu, kiel mediumo, simple skribis ĝin—ne verkis!— Nu, temas pri aŭtentika rakonto, en formo de distra—eĉ foje streĉa—romano, kun historia fono, pri la epoko de la Roma Imperio, kiam Kristo predikis sian doktrinon, instruadis siajn disĉiplojn kaj mortis fine sur kruco...' Sekve, la leganto ĝuas la emocion de lerte aranĝitaj epizodoj kaj aventuroj, en la malproksima tempo, kiam tiu supera spirito Emmanuel estis mem la vivanta ĉefrolulo de sia romano: la senatano Publio Lentulus, kiu, malgraŭ sia altranga posteno en Palestino, eltenis domaĝojn kaj malfeliĉojn, en sia privata vivo, kiel edzo, kiel patro, kiel homo...

La dirita aserto, ke spirito diktis kaj homo nur skribis, certe fariĝos nebula kaj stranga por tiuj legantoj, kiuj ne estas sufiĉe spertaj pri spiritismaj aferoj; sed, la agrabla maniero rakonti kortuŝajn scenojn kaj eksponi purajn tezojn, tra la kalejdoskopo de antikva riĉkolora vivmaniero, tre multe plaĉos al ĉiuj kulturitaj personoj, kiuj ŝatas la bonon kaj admiras la belon.

Tamen, kun profunda respekto por la idealismo, kiun la verko disradias, estu sincere dirite, ke speciale min logis la pureco kaj beleco de la lingvo, zorge kaj dorloteme ĉizita de la sperta tradukinto, akademiano L. C. Porto Carreiro Neto. Oni ne povas ne miri antaŭ la daŭra sinsekvo de tiom da poluritaj frazoj kaj tiom da agrablaj parolturnoj, kiuj, kvazaŭ lingvaj frandaĵoj, liveras rafinitan ĝuon al ĉiuj amikoj de la klasika stilo.

En rolo jam de kritikisto, ĉar kritiko sen mencio de difektoj ne estas kompleta, mi povus pinĉi kelkajn eraretojn pri ĝusta apliko de vortoj, kaj kiuj atestas pri la influo de la nacia lingvo, eĉ en plej talentaj esperantistoj. Pro simileco inter la portugala kaj hispana lingvoj, facile mi povas elekti du tipajn ekzemplojn: «...li *oferis* (proponis) la brakon al sia edzino.» «Ŝi *fiksis* (alrigardis) per larmantaj okuloj la stelplenan ĉielon.» Nu, plenumita la devo iomete *lupei*, decas nun laŭdi la bonkvalitan paperon de la libro, kies bela aranĝo kaj klara preso estas regalo por la okuloj. Jen, do, plia merito por tiu verko, kiu, en sia esperanta kostumo, estas ne nur modelo pri lingvo, sed alta monumento pri la artaj kapabloj kaj elstaraj virtoj de la nobla Brazilo, juvelo de Ameriko, lando de estonteco, lando de espero por ĉiuj esperantoj kaj granita citadelo de nia movado, dank' al la fervoro de tiuj samideanoj, kiuj nun, en epoko de krizo, kuraĝis eldoni verkon kun kvarcent paĝoj da riĉa enhavo.

En konkludo, oni legu la libron, kiun varme mi rekomendas, ĉar nur legante ĝin oni pravigos mian diron, ke oni devas malŝpari gratulojn kaj dankojn, je honoro de la sindonema Federacio kaj de la genia tradukinto, kiu sendube gajnis pro sia bonega laboro la titolon de majstro.

LUIS HERNANDEZ

---

**NIKO KAJ NINA.** Postkursa legolibreto originala de Joseph F. Berger, eldonita de Limburger Vereinsdruckerei, Limburg/Lahn, Germanujo. 70 paĝoj 19 x 12 cm. Prezo: 2.40 gm. plus 10 % por afranko.

Jen ĉarma legolibro, verkita en flua kaj plaĉa stilo. Tio estas rakonto pri la vivo de knabo kaj knabino, en tre facila kaj natura lingvaĵo, kapabla veki kaj subteni la intereson de la leganto, ekde la komenco ĝis la fino, kaj vere taŭga por kursoj pro la diverseco de la priskribataj travivaĵoj, kiuj povas inspiri al la intruanto de kurso por progresintoj serion da interesaj demandoj, respondotaj de la kursanoj. Kvankam Niko kaj Nina ne estas denaskaj esperantistoj, sed ili okaze lernas Esperanton dum la prirakontata periodo, la esperantismo vidiĝas tra la tuto kaj estas alloge resumita en la letero, kiun ŝi adresas al li sciigante, ke ŝi lernis Esperanton kaj priskribante la sentojn de interpopola paco kaj harmonio, kiujn vekas al ŝi la lingvo kaj la frata atmosfero de la grupo. Ne necesas diri, ke li decidiĝas tuj lerni nian karan lingvon!

JOSE ANGLADA (Barcelono)

**DE INTERÉS PARA LOS CONGRESISTAS.** Ampliando nuestra información sobre los hospedajes, podemos hoy asegurar que en Valencia pueden disponerse de magníficas habitaciones para dormir por 15 pesetas diarias, habiendo además muchos establecimientos, donde por solo 8 pesetas se sirven comidas y cenas muy aceptables. Mayores ventajas pues...

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Denove, mi plezure respondas al amiko Collado, en Sama, kiu tiel ofte superŝutas min per siaj ĝentilaj kaj interesaj leteroj. Ja, Esperantista Akademio ekzistas; kaj ĝi, tre inde, ludas la rolon defendi la lingvon kontraŭ tiuj uzantoj de novaj vortoj. Sed Esperanto, kiel ĉiuj naciaj lingvoj, estas io vivanta, kio malgraŭ ĉiuj klopodoj kontraŭ la neologismoj kreskas kaj pliriĉiĝas, unuvorte: evoluas. Kontraŭ tiu fakto, neniu homo aŭ organizaĵo povos sukcese lukti. Sed, se vi iomete pripensas la aferon, vi trovos ĝin logika. Kion vi opinius se la hispana lingvo, nuntempe parolata, estus la sama ol tiu de la epoko de Cervantes?

Instruisto estas homo, kiu profesie instruas. Magistro estas universitata titolo, kiu egalas al nia *Licenciado*. Majstro estas titolo, kiun oni donas al specialisto tre ŝatata, pro liaj fakaj spertaj kapabloj.

Amikan saluton! **JUAN BOSCH.**

***Feliĉa naskiĝo de ĉarma filineto agrabligas la hejmon de fervora kamarado José Molina Bolinches, kiu efektive kaj aktive laboras por nia lingvo en Alfara de Algimia, bela vilaĝeto en la Valencia provinco. Koran gratulon!***

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a MAYO 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.005 | Ptas. |
| Roberto Maraury - Málaga | 10 | » |
| Juan Devís - Valencia | 10 | » |
| J. Pinell Mas - Sabadell | 35 | » |
| Santiago Cubero - Coruña | 10 | » |
| Ramón Molera - Moyá | 40 | » |
| R. Gisbert - Barcelona | 10 | » |
| R. Gisbert F. - Barcelona | 5 | » |
| M. Gisbert - Barcelona | 5 | » |
| C. Gisbert - Barcelona | 5 | » |
| I. Lladó - Barcelona | 10 | » |
| Santiago Arizmendi - Eibar | 5 | » |
| Ricardo de Luna - Barcelona | 15 | » |
| Miguel Garriga - Tarrasa | 10 | » |
| Eduardo Alvarez - Alcohete | 9 | » |
| Luis de Otaola - Bilbao | 5 | » |
| V. Perles Mondho - Miraflor | 10 | » |
| Francisco Alsina - Barcelona | 30 | » |
| Francisco Roglá - Valencia | 5 | » |
| C. Berghánel - Barcelona | 10 | » |
| Esperanto Grupo - Sabadell | 35 | » |
| E. Prats - Barcelona | 10 | » |
| Tomás Apráiz - Bilbao | 11 | » |
| Luis Hernández - Valencia | 17 | » |
| Total | 2.317 | » |

*Esto vuelve a animarse... ¡Adelante!*

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

— Hristo Hr. Akalski, Selo Dobrodan — Trojan (Bulgario) 20-jara junulo deziras korespondi pri ĉiuj temoj kun la tuta mondo. Nepre akurate li respondos.

**KORESPONDA SERVO**

Ĉu vi deziras korespondi kun la tuta mondo? Skribu al J. Juan Forné, strato Martí, 3, Valencia, indikante aĝon, profesion, emojn, dezirojn, ktp. Bonvolu aldoni 2 pesetojn aŭ egalvalorajn poŝtmarkojn.

Tadaŝi Inouje, per S-ro Sasaŭaki, 1.°, Higaŝi, 3. Hannan, Abeno. Osaka (Japanio) deziras korespondi k. ĉ. l. pri ĉiuj temoj.

**ATENTU!** Por ekzerciĝi en la hispana lingvo, pagante la loĝkostojn, eĉ de plej modesta hejmo, en iu ajn urbo (tute ne necesas, ke ĝi estu esperantista) 53-aĝa licea instruisto ŝatos gastigon dum du semajnoj, post la Hispana Kongreso. Mi volonte helpus iun familianon, kiu studas aŭ lernas anglan aŭ francan lingvojn.

EDWARD G. LOCK — 9, Rose Hill — Bessacarr
DONCASTER (Anglujo)

TOURING CLUB ITALIANO, Corso Italia, 10, MILANO (Italio) sendas senpage faldfolion en Esperanto pri siaj servoj kaj verkoj.

## LA SKOLTA MONDO

Oficiala Organo de
SKOLTA ESPERANTISTA LIGO
**Jarabono: 10 pesetoj**
**Mendebla en Hispanio pere de**
S-ino DOLORES BENAVENT
**Str. Joaquín Ballester, 11-10.° VALENCIA**

## CONGRESOS DE ESPERANTO

Kongreso de Esperanto-Asocio en Nord-Ameriko
**del 28 al 30 de Junio**
SACRAMENTO (California) (U. S. A.)

**En la solena kadro de la 35ª Eŭkaristia Internacia Kongreso, en Barcelono, okazos la 2ª Eŭkaristia Esperanto-Mondkunveno pri kiu ni raportos pli detale kaj amplekse en la venonta numero.**

PERIS-G. V. MARQUÉS DEL TURIA, 28-VALENCIA